# INTERNACIA

JARO XXII, n-ro 3
septembro-decembro
1983



# ĴURNALISTO

Organo de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)


## AL PLI AKTIVA ORGANIZA, KULTURA KAJ ĴURNALISMA AGADO DE TEĴA

Dum la kuranta jaro Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio montris seriozajn sukcesojn. Nia organo "Internacia Ĵurnalisto" aperadis bone, dekoj da novaj membroj aliĝis al la asocio, brile okazis la TEĴA - jarkunveno en Budapeŝto kadre de la Universala E-Kongreso. Ni havas novan, kompletigitan estraron, kaj fine - la gravan sukceson de nia presorgano - la ŝtata decido kaj permeso ke ekde la nova 1984 ĝi aperadu 4-foje jare kun aldonaj 4 kovrilpaĝoj.

Nun, komence de la nova 1984 kaj dum la tuta jaro antaŭ la estraro kaj la membraro de TEĴA kaj ILEF staras gravaj taskoj, kies solvo nepre kontribuos al la plifortikigo de niaj asocioj organizrilate, al la plivigligo de nia kultura, profesia, ĵurnalisma kaj amatora agado. Unualoke altiri kaj organizi novajn A kaj B-membrojn. Estas multaj redaktoroj de esperantistaj eldonaĵoj, kiuj ankoraŭ staras ekster la vicoj de niaj teĵanoj. Ni devas eltrovi kaj varbi ilin por TEĴA. Tion ni devas fari ankaŭ kun tiuj profesiaj ĵurnalistoj - esperantistoj, kiuj laboras en neesperantaj gazetoj, revuoj, en radio- kaj televidstacioj, kaj tiuj esperantistoj kaj ILEF-amatoroj, kiuj regule kunlaboras al ili ne ofice (ili estos B-membroj de TEĴA).

LA ESTRAROJ DE TEĴA KAJ DE ILEF, KAJ LA REDAKCIO DE "INTERNACIA ĴURNALISTO" TUTKORE SALUTAS SIAJN MEMBROJN KAJ MEMBROABONANTOJN OKAZE DE LA NOVA 1984 J. KAJ BONDEZIRAS AL ILI KAJ AL ILIAJ FAMILIANOJ SANON, ĜOJON KAJ FELIĈON, KAJ AL LA MONDO - FIRMAN PACON.

Paralele kun la plinombrigo de niaj membraroj ni devas helpi la lokajn TEJA-reprezentantojn kaj gvidantojn organizi niajn anojn en landajn sekciojn, kaj en urboj, kie estas malpli da membroj - en subsekciojn (iliajn nomojn difinos la statuto). Tiuj sekcioj estos gvidataj de reprezentantoj de TEJA kie estas ĝis kvin teĵanoj. Kie estas pli ol kvin, iliaj gvidantoj, laŭ la ĝisnuna statuto, estas komitatanoj de TEJA. Do, tasko de ĉiuj estraranoj de TEJA kaj de ĉiuj reprezentantoj kaj pli viglaj anoj surloke estas kunvoki la membrojn de la asocio formi sekciojn, kiuj elektu sian komitatanon aŭ reprezentanton. Kie ekzistas multnombra sekcio, oni povas elekti trimembran gvidorganon. La komitatanoj kaj reprezentantoj gvidas la sekciajn aferojn en la respektiva lando aŭ loĝloko, ili reprezentas nian asocion kie necese, varbas novajn membrojn, kolektas membro- kaj abonkotizojn, plenumas ankaŭ aliajn taskojn de la TEJA-estraro. Kie kaj kiam estas necese la estraro mem nomos provizore ilin.

La estraranoj kaj la redaktoroj de nia presorgano, kun la helpo de ĉiuj TEJA-noj, devas plibeligi "Internacian Jurnaliston, plivariigi kaj pliriĉigi ĝian enhavon, por ke ĝi estu pli reprezenta kaj forta propagandilo, agitanto kaj organizanto de nia TEJA-afero, de nia ĵurnalisma agado, de la Internacia Lingvo kaj ĝiaj humanismaj kaj porpacaj ideoj. La ŝtata permeso pri nia presorgano jam donas al ni tiun eblecon. Tamen por la variigo kaj riĉigo de ĝia enhavo estas necesa ankaŭ la aktiva kunlaborado de niaj gvidantoj kaj membroj per artikoloj, eseoj, raportaĵoj, karikaturoj, belaspektaj fotoj, beletraj kaj poeziaj verkoj - originalaj kaj tradukitaj, priĵurnalismaj informoj, priorganizaj kaj ĵurnalistikaj informoj el la tuta mondo ktp.

Ni devas ankaŭ pliprecizigi niajn rilatojn kaj kunlaboradon kun nia frata ILEF (Internacia Ligo de Esperantistoj-foto-kino-magnetofon-Amatoroj). La agadkampo estas vasta kaj ni devas profiti ĝin funde favore al iliaj memstaraj kaj niaj komunaj taskoj, favore al la ĵurnalistiko ĝenerale. Krome - ĉar la membrokotizo de TEJA inkludas ankaŭ la abonkotizon, kaj la ILEF-anoj pagas nur

kotizon al ILEF kaj ricevas nian organon, eble oni devas fiksi ian malaltan abonkotizon por ili.

Estas ankaŭ aliaj solvendaj TEJA-taskoj, ekzemple pri niaj ligoj kaj kunlaborado kun UEA kaj pluraj internaciaj E-organizoj, pri komunaj efektivigendaj kun ili iniciatoj k.t.p. Sed pri ili kaj aliaj taskoj - ekz. pri establo de presagentejo ĉe TEJA (aŭ kune kun alia organizo), pri niaj rilatoj kun neesperantistaj internaciaj ĵurnalistaj asocioj, ligoj k.a. ni skribos alifoje, aŭ eble ili estos deciditaj per la definitiva akcepto de nia statuto. En n-ro 1/84de "Internacia Ĵurnalisto" aperos nia statuto-projekto. Por ĝia perfektigo kaj akcepto estas necesa aktiva ĝia traktado kaj diskutado.

Establo de turisma servo ĉe TEJA, kiu helpu al la vojaĝantaj kaj ekskursantaj aŭ reciproke gastantaj kolegoj, preparo kaj disdono al niaj teĵanoj de novaj membrokartoj samtiel estas gravaj taskoj plenumendaj, k.t.p.

Do, al aktiva agado, karaj gekolegoj, por la solvo de ĉiuj gravaj taskoj, kiujn nia profesio kaj esperantisteco postulas de ni ĉiuj.

=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.



- Mi ne plu restos sololo! Kun neniu mi povas ŝanĝi du vortojn.



- Atendu, edzino, vi ne lasas ke mi ankaŭ eldiru du vortojn.




## ILEF-ANOJN ATENDAS OBSTINA LABORO DUM 1984

Kiel decidite dum 68-a UK de Esperanto en Antverpeno 1982 TEĴA kaj ILEF efektiviĝis union. La Estraro de TEĴA afable disponiĝis spacon pri problemoj de ILEF sur la paĝoj de "Internacia Ĵurnalisto", kiun eblecon ni volonte profitos estonte.

La celkonformeco de la efektiviĝita unio inter TEĴA kaj ILEF pruvis la unujara komuna aktivado kaj speciale la jarkunveno okazinta enkadre de 69-a UK de Esperanto en Budapeŝto ĉijare: plimultnombriĝis la vicoj de ambaŭ organizaĵoj; plimultiĝis la naciaj esperantaj ILEF-organizaĵoj kaj ties membraro; estis organizitaj naciaj foto-ekspozicioj en kelkaj landoj surbaze de konkursaj regularoj; la membroj de ILEF jam ricevadas la organon "Internacia Ĵurnalisto" kaj emas kontribui al ĝia eldonado per propraj kontribuaĵoj.

Ĉio ĉi estas kuraĝiga kaj imitinda. Sed - certe! - nesufiĉa!

En la nova 1984 jaro atendas nin serioza kaj obstina aktivado multflanka.

La Estraro de ILEF alvokas ĉiujn membrojn pliviĝligi sian porpacan aktivadon por konservado de la homa vivo kaj la naturmedio. En ĉiuj niaj agoj ni devas starigi unuavice la problemojn de la monda paco kaj aktive kontribui al la penoj de ĉiuj honestaj homoj en la tuta mondo prezervi la homaron de la minaco de nuklea monda milito! Per ĉio, kion ni verkas: artikoloj, fotoj, filmoj, magnetofon-surbendigoj k.a. - ni ĉiam devas antaŭvidi la humanajn celojn de nia nobla profesio - servo al la progreso de la homaro, al la internacia amikeco kaj interkompreniĝo.

Feliĉa estas la fakto, ke ni posedas ankaŭ pres-tribunon - nian TEĴA-organon, kie ni povas esprimi niajn soci-politikajn konvinkojn, alvoki niajn gekolegojn el ĉiuj landoj unuiĝi por

definitiva batalo kontraŭ la fortoj de l' milito. Sur la paĝoj de "I.Ĵ." ni povas ankaŭ trakti fakajn problemojn el ĉiuj branĉoj de nia aktivado - por kontribui al la plialtigo de nia faka sperto.



Ivan Esperov, Jorĝeta Miŝeva kaj Donĉo Ĥitrov preparas afiŝojn kaj aliajn materialojn en la kongresa palaco por la jarkunvenoj de TEĴA kaj ILEF

Dum la Nova 1984 ILEF-anoj havas seriozajn taskojn plenumendajn:

1. Ĉiu ILEF-ano devas kontribui al la serĉado de originalaj foto-kino kaj magnetofon-materialoj ligitaj kun la monda E-movado (de la komenco de nia jarcento ĝis hodiaŭ) kaj tuj anonci eventualajn trovaĵojn al la prezidanto de ILEF - Donĉo Ĥitrov, kiu estas en kontakto kun Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno, kie oni kolektas la trovitajn materialojn. Ili helpos la kreon de dokumenta filmo pri Esperanto lige kun ties 100-jara jubileo.

2. La landaj ILEF-organizaĵoj faru ĉiujn necesajn paŝojn ligi sian aktivadon kun lokaj samfakaj klubo j aŭ organizaĵoj nee-

sperantistaj kaj partopreni iliajn aranĝojn (foto-ekspoziciojn, konkursojn, festivalojn). Tiamaniere ili propagandos kaj ILEF, kaj Esperanton ĝenerale. La estraroj de la landaj ILEF-organizaĵoj laboru pli obstine por la plimultigo de la membraro kaj por pli oftaj kaj interesaj aranĝoj (enlandaj kaj eksterlandaj).

3. La Estraro de ILEF pridiskutos la ideon pri organizo de Somera Internacia ILEF-Tendaro (eble ĉe la bordoj de Nigra Maro, Bulgario, aŭ aliloke) cele de instigo pri vigla krea aktivado kaj ŝanĝo de faksperto. En tiu tendaro povus esti organizita Internacia Revuo-Konkurso per fotoj kaj filmoj de apartaj ILEF-anoj, kio multe kontribuos al la plivigligo de nia aktivado.

4. Estas diskutata la ideo pri kreo de Internacia Esperanta Filmoteko (eble ĉe la Internacia E-Muzeo en Vieno), kie estos kolektataj kaj konservataj ĉiuj valoraj film- kaj foto-materialoj, disponigitaj de ILEF-anoj aŭ donace, aŭ kontraŭ koncerna monrekompenco.

5. Ĉiuj ILEF-anoj devas pagi sian jarkotizon por 1984 rekte al siaj landaj reprezentantoj aŭ al la Centra oficejo - Bulgario (BG-1303 Sofio, bul.Ĥristo Botev 97) por ILEF. La jarkotizo (4 us.dol. aŭ egalvalore en nacia valuto) inkluzivas ankaŭ la ricevadon de nia pres-organo "Internacia Ĵurnalisto".

EK AL VIGLA KAJ OBSTINA AKTIVADO, KARAJ ILEF-ANOJ!

Donĉo HITROV,
prezidanto de ILEF

---

## NOVA ELDONO DE "PINOKJO"

Okaze de la centjara naskiĝdatreveno de PINOKJO - la famekonata itala ligna pupo - kiun COLLODI (pr.Kollodi) verkis en 1881, la Itala Instituto de Esperanto zorgis ĝian duan aperadon, post la unua (tradukita esperantlingve de Mirza Markesi), kiun eldonis en Londono The Esperanto Publishing Company, nun translokita en Aŭstralion.

La esperantlingva represo de tiu ĉi eta, sed grava porinfana verko situas en la kadro de aliaj iniciatoj en Italio por memorigi la aŭtoron, kies vera nomo estis Carlo (pr.Karlo) Lorencini, sed li prenis la alnomon Collodi de sia naskiĝurbo en provinco de Pistoja, Toskana regiono, kie naskiĝis la fama itala Dante.

Jen kelkaj vortoj, per kiuj oni prezentis la unuan eldonon:

"PINOKJO, ora libro vekinta korbatojn de boneco en la italaj geknaboj, dolĉajn kortuŝojn de neniu el ili forgesitajn, PINOKJO, juvelo naskiĝinta en la ĝentila TOSKANA, kie ĉio estas arto, ci jam ne estas de cia regiono,ci ne estas plu de Italujo, ci estas verko homareca. En la plej nobla senco de la vorto. Al la homaro cin alportas nun la dolĉa lingvo de Zamenhof, la mirinda lingvo de ĉiuj popoloj."

Dino FABRIS

= " = " = " = " = " = " = " = " = " = " = " = " = " = " = " = " = "




Ni konservu la pacon! Pentris E.Hajnke, GFR

## L A K R A N I O

Rakonto de IVAN KEREMIDĈIEV - ESPEROV
(Daŭrigo kaj fino)

La ĉefo de la grupo sendube estis Stojĉo.

- Haltu! Haltu! - kriegis li kiom lia voĉo povis elteni. Laŭ lia malgranda, fleksebla korpo malsuprenfluis akvo. - La mikroboj de la mallaboremo jam estas dronigitaj. Ĉiuj sur la bordon! Ha-lo-o!...kaj li ekkuris la unua al la bordo, erigiinte la akvon je miloj da gutoj, nazbruante kiel ĉevalo.

Kroĉinte sin sur la akra pinto de la alta poplo la senmova suno rigardis nin kun ĝoja vizaĝo. Ĝi pinĉis ĝis doloro nian bruligitan ĉokoladan haŭton per siaj ardaj radioj. Sur ĝi algluiĝis brulantaj sablaj grajnoj.

- Haltu! Ĉiuj tien ĉi! - komandis Stojĉo.

Ni viciĝis ĉirkaŭ li: Peŝo Micin, Vasko Docin, Goŝo Benovija, Vanĉjo Vrĉ kaj la ceteraj samklasanoj.

- Ni ludu "porkon".

- Hura-a!... ekkriis ni ĉiuj unuvoĉe.

- Mallaŭte, mallaŭte! - kaj turninte siajn musajn okuletojn en rondo li ekkomandis:

- Vi, Vanĉjo, Goŝo kaj Peŝo, kuru en la silikaron kaj detranĉu vergojn. Ni serĉos porkon kaj elfosos la truojn. Ĉu ne? Ho-op!

Ni diskuris kiel timigitaj birdetoj sur la herbejo al la silikaro. Post kelkaj minutoj ĉio estis preta. La bastonoj pretaj, la truoj elfositaj en la sablaro en rondo kaj en la mezo unu pli granda. Ĝi estis la porkejo - la loĝejo de la "porko". Unu malgranda blanka osto, kiel homa pugno, kuŝis en la porkejo. Ĝi estis la porko.

Vasko ekiris ŝanceliĝante per siaj kurbaj kruroj al la porko, eligis ĝin el la truo kaj, levinte sian bastonon, demandis:

- Nu, kiu estas la porkogardisto? Car nun per unu bato mi elirigos el la vilaĝo la porkon al paŝtado.

Apoginte sin sur siaj bastonoj kiel la paŝtistoj, lasintaj siajn ŝafojn je tagmezripozo, ĉiu ĉe sia truo, ni rigardis nin

provokeme. Neniu la unua deziris esti porkogardisto. Mi proponis loton. Ni konsentis.

GoŝoBenovija pikis en la ripojn kaj,ekridante lin,ekkriis:

- Stojĉo, estu! Stojĉo sen tio estas "porkisto".

Ni ekridis ĉiuj pri lia ŝerco kaj lotis per bastono. Mi fariĝis"porkisto".

- "Ŝvinjar"! Vanĉjo "Ŝvinjar"! - kriis freneze ĉiuj al mi.

Vasko saltetis kaj batis la porkon tiel forte, ke ĝi trafajfis preter la kapo de Peŝo kaj ruliĝis sur la herbejon.

- Kuru por paŝti la porkon!

Pikite en la koro, mi alkuris post la osto kaj frapis ĝin per la bastono. Mi penis enigi ĝin en "la porkejon". Miaj kamaradoj ankaŭ batis kaj elirigis ĝin "preter vilaĝo je paŝtado".

Ĝuste ni komencis la ludon kaj de la verda salika bosketo ekmoviĝis kiel granda urso avo Koli Balev. Sur sia kapo li portis, vintre kaj somere, grandan vilan ĉapon. Kiel pafilo estis hirtiĝinta sur lia ŝultro, dika, kornusa bastono. Lasinte la ŝafaron, li venis ĉe nin por rigardi la ludon kaj sin apogis sur sia bastono, proksime de la rivera bordo. Duonklinita - lia ombro respeguliĝis en la malklara akvo. Mi ekĝojis vidinte lin. Ofte li kolektis nin ĉirkaŭ sin kaj tutajn tagojn rakontis al ni jen terurajn, mirindajn rakontojn, jen ridindajn historietojn,jen malĝojajn okazintaĵojn de la militoj kaj de unu antifaŝista ribelo de 1923 jaro en nia lando.

- Do, sufiĉe da ludo!-proponis mi -Avo Koli rakontos al ni ion. Ĉu ne, avo?

- H-a-a... Prizorgu vian porkon. Nu, vidu lin! Li volas liberiĝi! - ekkriis miaj konuloj. Mi ekrigardis konfuzite Stojĉon. Mi volis aŭdi ankaŭ lian vorton. Sed li palpebrumetis al mi moke per siaj malgrandaj okuletoj kaj batis forte la porkon.Ĝi saltis, traflugis tra niaj gamboj kaj enakviĝis en la mezon de la rivero.

- Ha-ha! - ekridis mi kontente. La ludo finiĝis.

- Ne estas finita - diris Stojĉo. - Serĉu alian porkon.

Tiun tempon Peŝo fervore fosis per sia bastono en la sablaro

ĉirkaŭ iu blanka, ovala objekto. Fine li eligis kaj ĵetis ĝin al la truo.

- Jen, mi trovis por vi alian porkon eĉ pli grandan, Vanĉjo.

Oni intencis bati la novan porkon, kiam mi aŭdis malantaŭ mi la koleran voĉon de la maljuna ŝafisto.

- Atendu, he, azenoj! Je dio timon ĉu vi ne havas? - li ekfrapis per sia dika bastono sur la teron. - Peko estas. Ĉu vi ne vidas! Ja tio estas homa kranio.

Ni interrigardis nin, mirigite kaj timigite. Ĉiuj ĵetis flanken la bastonojn kaj gefufleksis timeme ĉirkaŭ la blanka ovala osto. Fiksinte rigardon atenteme kaj kun emocio ni ekpalpis ĝin.

C-c-c! - parolis timigite Peŝo. - Kiel mi ne ekkonis kiu estas tio ĉi.

- De kie estas falinta tiu ĉi kranio ĉi tien? - demandis mi, rigandante al avo Koli.

- Certe tie ĉi iam estis tombejo - diris Stojĉo. Li fleksis kruron, sidiĝis sur la sablon kaj prenis la kranion en siajn tremantajn manojn.

- He, Svinjar! Kiel vi ne timas?

- Ja, ni multajn ostojn estis elfosintaj tie ĉi el la sablaro! Ja mi loĝas apud la malnova tombejo kaj multajn skeletojn mi vidis kaj palpis. Mi ne timas ilin.

- Mirinda aferò.

- Nenio mirinda estas, infanoj.

Ni levis la kapojn. Super ni estis kliniĝinta la maljuna ŝafisto. Li tordis permane siajn pendantajn, griziĝintajn lipharojn. En lia buŝo fumis mallonga, argila pipeto.

- Rrr-ĉuŝ! - insultis kolere li kelkajn ŝafojn, deflankiĝintajn de la ŝafaro, kiu estis amasiĝinta sub la ombro de unu larĝa saliko kiel grandaj sakoj antaŭ akvomuelejo.

- Kial vi gaprigardas? Ĉu vi ne scias kio okazis tie ĉi antaŭ kelkaj jaroj? - malplenigante pipeton per skuado sur sia genuo, li daŭrigis per malrapida voĉo la rakonton. Tiam okazis tio ĉi. Dum la septembra ribelo. Kaj multe da murditoj estis enterigitaj kiel hundoj tie ĉi en la riversablaron.

Ĉiuj aŭskultis la vortojn de avo Balev, rigardante al la timiga kranio. Mi sentis kiel mia malseka hararo hirtiĝis. Sur mia dorso kvazaŭ ekgrimpis svarmo da formikoj. Goŝo, kiu estis preninta la kranion en manojn, eniginta siajn fingrojn en la malhelajn okulajn truojn, ellasis ĝin apud siaj piedoj, kvazaŭ bruligita. La okuloj de Stojĉo, larĝe malfermitaj, rigardis la kranion per vitreca brilo sur la pala vizaĝo.

Vasko turnis okulojn:

- Vidu, sur la frunto estas truo de kuglo. Kies estas tiu ĉi kranio.

Infaneca, stulta scivolemo. Sed tamen interesa. Ni levis nazojn al Balev. Li stariĝis, apogis sin sur sian bastonon kaj daŭrigis ĉiam tiel per obtuza, sufoka voĉo:

- Kiu scias, infanoj! Pluraj estas la pereintoj. He, tia estis la epoko... Kaj eble iu el niaj proksimuloj - patro, filo, frato... Kaj li turniĝis peze, ektrenis la mokasenojn en la sablaro kaj ekflustris ploreme.

- He, ankaŭ mia filo, infanoj! Kie li estas ĵetita?

Li ekŝanceliĝis, turniĝis peze kiel urso kaj iris al sia ŝafaro.

Ni staris rigidiĝaj, timigitaj. La nigraj orbitoj de la kranio rigardis nin terure. Elstarintaj sur la makzelo rikanis al ni la dentoj.

Subite ni ekkriis:

- Vidu, vidu! Du antaŭaj dentoj de la makzelo mankas!

Miaj konuloj streĉis kolojn kiel cikonioj kaj fiksis siajn okulojn.

Post mia dorso mi aŭdis sufokatan, obtuzan ploron kaj gorĝan raŭkadon. Ni turnis kapojn surprizite. Stojĉo staris malantaŭ ni. Lia flavpala kiel argilo vizaĝo ests sulkiĝinta kripligite. Liaj okuloj, paliĝintaj terure, rigardis per la blanko nin kaj la kranion.

- Du dentoj mankas - plorflustris li... Ho! Paĉjo!... kaj li ŝanceliĝis kaj falis sur la kranion, enŝovis vizaĝon en la

ardegan sablon, skuite de fortaj plorkonvulsioj.

--------------

Mi silentiĝis. Ellasinte la ŝtrumpon, mia patrino ploris. Mi malfermis la pordon kaj eliris emociite.

Sur la planko restis la faldita letero de mia kamarado - Stojĉo Ŝvinjara.

- Fino -

=.=.=.=.=.= *Tra la gazetaro* =.=.=.=.=.=.=

**Monda Komunika Jaro**

Legante "UN kaj NI", eldonata en Esperanto en la oficejo de la Unuiĝinta Naciaro, en n-ro 30 ni trovis iujn interesajn informojn, inter kiuj - sub rubriko "Ĉiuj homoj el la sama trunko" pri la Deklaro de la Ĝenerala konferenco de Unesko en Parizo (27 XI.1978) "Pri Raso kaj Rasisma antaŭjuĝo". En ĝi oni legas pri la egaleco de la homrasoj kaj nacioj ĉiurilate, ankaŭ lingvorilate. La lasta 1983 estas ankaŭ "Monda Komunika Jaro". Ankaŭ tiurilate la popoloj estas egalrajtaj. "UN kaj NI" skribas, ke "Internacia Telekomunika Unio, kiu kunordigas la agadon de Monda Komunika Jaro 1983, jam distribuis dekojn da specoj de dokumentoj al instancoj kaj organizoj, kiuj havas interesojn pri la Jaro. Inter ili troviĝas listo de okazaĵoj lige kun la Komunika Jaro.

En tiu listo registritaj estas 63 aferoj, el kiuj 3 estas Esperantaj. Tio formas 5 elcentojn de la tuta listo. La tri menciitaj estas: "Interkomputo 82", kies laborlingvo estas Esperanto. 68a Universala Esperanto-Kongreso en Budapeŝto kaj la Nederlanda Esperanto-Kongreso 1983, kies temoj estas "komunikado"...

**RESPONDE AL "MONATO"**

S-ro Ru Bossong (Nederlando) en "Paco" de MEM n-ro 5/1983 turnis sin al s-ro Stefan MAUL, ĉefredaktoro de la sendependa E-gazeto "Monato", kun la peto aperigi en "Monato" lian artikolon "Sovetia submarŝipo", kiu aperis en la sama n-ro de "Paco". En ĝi Bossong skribas: "Leginte la leteron de M.Neret en "Monato" (3/83 p.4), mi devis konstati, ke lia sovetia submarŝipo estas same ĥimero kiel tiu, kiun sveda militfloto "trovis" en sveda markolo nur profite al pli dajnspezegoj, kiujn ili klopodis elpreni el la poŝoj de la svedaj impostpagantoj, ĉar la kontraŭbataliloj ja ne sufiĉis por kapti la stultajn rusojn, kiuj eltenis trisemajnojn senspire sur mara fundo ne povis esti trafitaj de dekoj da submaraj bomboj... Tio estis eble dank' al la paranoja antisovetismo, kiu radias el la artikolo de N.Neret, kies ciferoj baziĝas sur la mensoga propagando de ia Usona krima organizaĵo CIA..."

S-ro Maul kulpigas nian TEJA-organon en neobjektiveco, ĉar

skribis kontraŭ la persekuto kaj murdado de ĵurnalistoj, inter kiuj la kvar nederlandaj kolegoj en Salvadoro de reakciaj registaraj taĉmentoj. Interese, la "senpolitika" "Monato" aperigis la kalumnian leteron de N.Neret sen objektiva komento. Ni sendas al "Monato" "Internacia-n Jurnalisto-n", sed interŝanĝe ni ne ricevas "Monato-n" kaj ne povis kontroli ĉu en ĝi aperis la artikolo de s-ro Bossong, kiel li petis la redaktoron Maul. Ĉu "Monato" estus neŭtrala ankaŭ al la gazetaro de Musolini kaj Hitler?

## "DUM IUJ VIVAS EN PLEJ GRANDA LUKSEGO, ALIAJ MORTAS MALSATE"

En "Boletin" de la Federacion Española de Esperanto (n-ro 258/83) ni legas sub la titolo "Malsato, armado, paco" la interesan artikolon de s-ro L.S.Pérez, en kiu li mencias pri teruraj faktoj, inter kiuj: "... ke ĉiutage mortas pro malsato 43 000 infanoj. Sendube al tiu nombro ankoraŭ estas aldoneblaj aliaj miloj da plenkreskuloj, kiuj mortas pro la sama motivo". Kaj tiuj malsatantoj petas la helpon de pli riĉaj. "Kaj ni, malavaraj kaj solidaraj homoj, organizas monkolektojn por tiuj malfeliĉaj infanoj, kaj eĉ plej strange estas , personoj, kiuj organizas bankedojn por helpi la mortantoj pro malsato..."

"Intertempe niaj kleraj regantoj dediĉas astronomiajn kvantojn de mono por neutilaj aferoj. Miloj da milionoj da pesetoj, dolaroj, frankoj,... estas dediĉataj por mortigo de aliaj homoj, sed kiacele estas aĉetataj la armiloj?" "Dum iuj vivas en plej granda luksego, aliaj mortas malsate. Dum iuj havas la povon kaj regas la mondon, por sia profito, la plej granda nombro de aliaj vivas sen la elementaj bezonaĵoj..." Pri tiu mizero respondecas ankaŭ la regantoj de tiuj landoj, kie oni malsatas. "... Ili aĉetas armilojn, dum iliaj civitanoj mortas malsate kaj ne a[illegible]eptas sociajn reformojn, kiuj povus, almenaŭ iomete, mildi[illegible] s-ituacion...". Ktp. Ni opinias, ke sub tiu artikolo de s-ro Pérez povus subskribiĝi ambaŭmane ĉiu honesta esperantisto kaj homo.

## "...Firman aŭstrian pacvolon."

En "La socialisto" n-ro 2/1983, Vieno, ni legas la komentarion de D-ro Alfred Macher, elsenditan per la Aŭstria Radio. Li menciis la komentojn de la aŭstria ekskanceliero d-ro Bruno Krajski, kiu, demisiante kun sia registaro plende konstatis mankon de politikaj ideoj en la Okcidento, paralizon "... de la eŭropaj registaroj kaj ilian ambarason fronte al la aktualaj problemoj. Politikon de forto li (d-ro Krajski) malfidas..." "...La intertraktoj en Ĝenevo nepre nasku, laŭ li, efikajn kontrolon kaj limigon de la armado, alie fatala malbono minacus la mondon...". S-ro Macher diris pri la nova defendministro Frischenschläger(39-jara), ke li "...estas konata kiel favoranto de la Porpaca Movado. Tio povas impresi paradoksa: pacamiko kaj defendministro! Sed ĝi ne estas paradokso en neŭtrala Aŭstrio, kies armeo celas sole nur defendon, neniam kaj neniel atakon. Tian armeon povas ŝati, do, alte eĉ pacema ministro."

"Tiusence - daŭrigas s-ro Macher - ankaŭ nia federacia Prezi-

dento Rudolf Kirchschläger plendis, ke ĝuste kiam konfliktój necesigas dialigon, oni kutime interrompas la interparolojn, returnvokante l'ambasadorojn."

La malgranda Aústrio ne minacas aliajn ŝtatojn kaj popolojn, sed estas iuj potencaj ŝtatoj, kiel Usono, kiuj senhonte kaj barbare, neinvitite, invadas kaj grandajn (kiel Vjetnamion) kaj malgrandajn (kiel Libanon, la insulan sendependan Grenadon) neglektante la kontraústaron de iliaj popoloj mem, nek la potencan proteston kaj malaprobon de la tuta mondo.

I.Es.

RICEVITAJ ESPERANTAĴOJ

<u>La hungara pacmovado sin prezentas</u> - longa 16-paĝa faldfolia broŝuro. Sub la titoloj: 1) Nia generacio vivanta en paco, 2) Naskiĝo de internacia pacmovado, 3) Komenco en la Muzika Akademio, 4) En drivo de ĉiutaga agado, 5) Kiel laboras la Nacia Packonsilio, 6) Kontaktoj kun la mondo kaj 7) Pacpolitiko - Pacmovado. Bone ilustrita per fotoj kaj desegnaĵoj, tiu broŝuro bone prezentas la agadon de la pacamantoj en Hungara respubliko. Eldonas la Hungara Nacia Packonsilio, Budapeŝto, 1983.

*

<u>Kantoj pri la libero</u> - verskolekto de bulgaraj progresemaj poetoj Hr.Radevski, G.Gagarov, L.Stefanova, V.Markovski, As.Bosev, P.Penev, D.Gabe, V.Hanĉev k.a., inter kiuj estas ankaú la pereintaj dum la faŝismo Nikola Vapcarov, Cvetan Spasov kaj Atanas Manĉev. La versaĵojn tradukis en Esperanton Hr.Gorov, As.Grigorov, L.Bojaĝieva, C.Murgin k.a. La verskolekto estas 44-paĝa, kompilita de Hr.Gorov kaj eldonita de CE de Bulg.E-Asocio helpe al la partoprenantoj la Recitalon, dediĉita al la 40-a datreveno de la 9-a de Septembro - liberiga dato por la bulgaroj.

*

<u>Virinoj en Hungario</u> - 18-paĝa libreto kun kovrilpaĝoj, ilustrita, pri la virinaj problemoj en la lando. Tion oni vidas per la subtitoloj: a) 45 procentoj de la aktivaj salajruloj - virinoj; b) Faka klereco kaj dungiteco; c) Dumlabora protektado; c) La hungaraj familioj; d) Kulturo - klerigo; e) Familioj kun infanoj; f) La maljuna populacio; g) Familia prizorgo; h) Internaciaj rilatoj de la Nacia Konsilio de Hungaraj virinoj. Eldono de la Nacia Konsilio, redaktis E.N.Tóth.

*

<u>MEM 30-jara</u> - ilustrita 44-paĝa broŝuro kun kovrilpaĝoj pri la Mondpaca Esperantista Movado. Entenas artikolojn, eldirojn de Romesh Chandra - prezidanto de la Monda Packonsilio, de d-ro Imre Peteŝ - prezidanto de MEM, William Gilbert - ĝen.sekretario de MEM, Nikola Aleksiev - honora prezidanto de MEM. Enhavas materialojn ankaú pri la historio de MEM, kiel naskiĝis MEM, pri la demandoj ĉu la pacmovado povas esti neútrala, ĉu estas utila k.a. Eldonis Hungara MEM-sekcio, Budapeŝto, 1983.

Ju.V.Andropov - 24-paĝa broŝuro kun lia raporto dediĉita la 60-jariĝo de la fondo de Unio de Sovetaj Socialismaj Respublikoj, legita la 21-an de decembro 1982 en Moskvo. Eldonejo APN, Moskvo 1983.

*

Soveta Uzbekistano - informoj kaj fragmentoj el artikoloj pri la interesa mezazia soveta respubliko, tradukitaj el n-roj 5 kaj 6 de la samnoma revuo en rusa lingvo. En ĝi oni povas legi pri la historio, la ekonomiko, la kulturo de la lando, pri la fama mezepoka filozofo, sciencisto, kuracisto Avicenna (Abu Ali ibn Sins),pri alia sciencisto mezepoka Al-Horizmi. La revuo estas bone ilustrita. Eldonis la taŝkentaj E-gvidantoj en 1983.

*

Horizonto de Soveta Litovio - grandformata 60-paĝa magazino kun multaj materialoj pri tiu baltmara soveta respubliko, beletraĵoj kaj poeziaĵoj, kantoj, kulturaj, sciencaj k.a. informoj.Eldono de Litova filio de Asocio de Sovetiaj Esperantistoj, sesa kajero, Vilnius, 1983.

*

Informa Bulteno de SEA - n-roj 5 kaj 6. En ambaŭ n-roj estas multaj informoj pri la agado de la sovetiaj esperantistoj. Eldonita en rusa lingvo, eldono de la Asocio de Sov.E-stoj, Moskvo, 1983.

*

Kiel butikumi en Budapeŝto - bone ilustrita 48-paĝa broŝuro, aĉetadgvidilo.

*

Informa Libreto - 76-paĝa adresaro de Bulg.E-Asocio por 1983/84 jaroj. Enhavas la adresojn de ĉiuj bulgaraj E-estraroj kaj estraranoj; centra, distriktaj, urbaj, societaj kaj de fakaj E-organizaĵoj.

*

Kongresa Budapeŝta informilo - ses numeroj, eldonitaj de la Kongresa gazetara servo en Hungario, VII-VIII 1983.

*

Kiu faru kion - gvidilo por plenumo de la programo pri la Cent-jara jubileo de Esperanto - de A.Brenan kaj R.Corsetti. La 32-paĝa libreto kun kovrilpaĝoj estas n-ro 8 de la serio de UEA pri E-agado. Estas interesa kaj necesa por E-asocioj, societoj kaj esperantistoj konekse kun ilia agado pri la celebro de la 100-jara jubileo de Esperanto.

*

Augsburg - prospekto kun desegnoj kaj turistaj informoj pri la kongresurbo de la 70-a Universala Kongreso de Esperanto 1985 jaro en urbo Augsburg, FRG

EL LA TUTA MONDO

Jugoslavio, Beogrado. Tie ĉi oni eldonis en serbo-kroata lingvo "Prosvetni Glasnik" (Kleriga gazeto "Informilo") - organo de diversaj organizoj kaj komitatoj (Kleriga konsilantaro de X.R. Serbio, Resp.K-to por klerigo kaj fizkulturo, k.a. kaj de la Uzino por lerniloj. Tiu grandformata bulteno (n-roj 8,9 kaj 10) estas 22-paĝa kaj tutajn 10 paĝojn ĝi dediĉis al la instruado de Esperanto en la lernejoj kaj universitatoj, pri la neceso kaj graveco de la lingvo por la lernejanoj, eldiroj pri Esperanto de Tito, Vl.Bakarič kaj V.Milatovič, pri lerniloj de Esperanto - lernolibroj, vortaroj k.a.

*

Jugoslavio, Osijek - Ĵurnalisma manifestiĝo. En urbo Osijek la klubo "Liberiga Stelo" iniciatis tritagan konferencon pri ĵurnalismo kaj literatura kreado en Esperanto. Partoprenis la aranĝon ĉirkaŭ 100 personoj el kvar landoj. Subtenis la iniciaton ankaŭ la gvidantoj de Osijek kaj Radio Osijek. La iniciato estas dediĉita al la unua datreveno de la morto de la elstara loka aktivulo kaj ĵurnalisto Ivan Flanjak. Oni intencas aranĝi similan konferencon pri ĵurnalisman en ĉiu dua aŭ tria jaro, invitonte ankaŭ neesperantistojn.

*

Bulgario. En Sofio komencis aperi ĉi-jare la revuo "Nuntempa Jurnalistiko", trimonata, teoria scienc-informa eldono de la Sciencinforma centro. La revuo aperas en bulgara lingvo. Adreso: Bulgara Ĵurnalista Asocio, redakcio de "Savremenna ĵurnalistika", str.Graf Ignatiev n-ro 4, 1000 Sofio, Bulgario, Bulgara ĵurnalista Asocio.

*

En gazeto "Septemvrijsko slovo" (Septembra parolo" n-ro 413 (8.IX.1983), aperanta en urbo Mihajlovgrad, estas publikigita trikolumna intervjuo kun nia kunredaktoro de "I.Ĵ" Nikola Aleksiev okaze de lia distingo kiel merita kulturaganto fare de la Ŝtata Soveto. En la intervjuo oni priskribis la fervoran agadon de Aleksiev kiel socia kaj kulturaganto, kiel ĵurnalisto kaj sindikatano, esperantisto ktp.

*

Esperanto-rubriko en Zagreba semajna gazeto.
Nia kolego Slavko Šimunič perletere informis "I.Ĵ", ke en la semajna gazeto "Radničke Novine", oficiala organo de la Ligo de sindikatoj en SR Kroatio (Jugoslavio), rezulte de la sugesto de zagrebaj esperantistoj, regule aperas rubriko "Esperanto" kroate kaj esperante kun, por, per kaj priesperantaj informoj kaj materialoj. Oni petas la esperantistojn tiuokaze saluti la redakcion de "Radničke Novine", Lenjin trg 2/II, Yu-41000, Zagreb, Jugoslavio.

NIA RECENZEJO

Disertacio pri la revolucia periodo de la bulgara E-gazetaro.

La aŭtorino de la ĵusaperinta 80-paĝa libro, "La bulgara revolucia Esperanta gazetaro dum la periodo 1929-1934" estas Marija T.Jankova - juna ĵurnalistino. Ŝi verkis ĝin kiel disertacion, defenditan antaŭ la Ĵurnalistika fakultato de Sofia universitato. Tie ŝia verko ricevis altan profesian kaj sciencan pritakson.

Pri la riĉa kaj valora enhavo de tiu libro-disertacio oni povas konvinkiĝi legante la "Anstataŭ antaŭparolo-n" de Nikola Aleksiev, esperantista veterano kaj unu el la plej aktivaj gvidantoj de la laborista Esperanto-movado en Bulgario dum la priskribita periodo 1929-1934 kaj post ĝi, tralegante la titolojn en la enhavo de la libro. Sinsekve la aŭtorino skribas pri la kondiĉoj de tiu historia epoko, kiam la laboristoj-esperantistoj kaj ĉiuj aliaj esperantistoj kaj progresemaj homoj en Bulgario estis persekutataj de la reakcia kaj faŝisma reĝimo. En tiu brava periodo la Bulgara Laborista Esperanto-Asocio (BULEA), komprenínte,ke la gazetaro estas forta armo-propagandilo, agitanto kaj organizilo en la manoj de la progresemaj organizoj kaj homoj, komencis eldoni sian unuan laboristan E-eldonon "Balkana Laboristo" kaj poste la gazeton "Meĵdunaroden ezik" (Internacia lingvo), fine "Meĵdunaroden Rabselkor" (Internacia Laborista-Kamparana Korespondanto) kaj la organizajn bultenojn "Bulteno", post ĝi "Tribuno de CK de BULEA", kiuj eldonaĵoj pro persekuto, konfiskado kaj malpermeso de la polico finfine ĉesis aperi kaj ĝiaj redaktoroj arestataj, turmentataj kaj ĵetataj en malliberejon. Redaktoroj de tiuj eldonaĵoj estis fakte N.Aleksiev,P.Velkov,As.Grigorov,Angel Petkov,Simeon Petrov,Iv.Keremidĉiev kaj Mladen Nikolov - respondecaj redaktoroj. Iuj el ili kiel redaktoroj kaj poste ki eldonantoj de konspiraj presaĵoj estis en malliberejoj (Aleksiev, Petrov, Petkov,Keremidĉiev,Grigorov,Mladenov k.a. Angel Petkov (Anĝelo) pro turmentoj mortis en la malliberejo. Ĉiuj ili estis juĝitaj laŭ la kruela "Leĝo por defendo de la ŝtato".

En la recenzata libro oni trovos multajn faktojn pri la enhavo de ĉiuj laboristaj E-gazetoj, pri iliaj enlandaj kaj eksterlandaj korespondantoj, pri la reakcia reĝima teroro k.a. La libro estas tradukita el bulgara en Esperanton sukcese de nia kolegino Lidija Kaeva kaj redaktita de Marin Baĉev. Eldonis ĝin Bulgara Esperantista Asocio, Sofio, 1983. Ni ege rekomendas ĝin al niaj kolegoj kaj al la esperantistaro en la mondo.

Iv.ESPEROV

Karaj TEJAnoj, "Internacia Ĵurnalisto" estas via presorgano. Ĝi fariĝos pli riĉenhava kaj interesa, se ankaŭ vi aktive kunlaboras al ĝi per diversaj ĵurnalismaj materialoj-artikoloj, eseoj, humuraĵoj, fotoj, desegnoj, bildoj, per beletraĵoj kaj poeziaĵoj-originalaj kaj tradukitaj. Bv.skribi sur la unuan flankon de la papero kun iom pli larĝaj intervaloj.Anticipan dankon.

## HISTORIO DE LA GAZETARO

En 1702 komencas aperadi la unua en la mondo presita ĉiutaga gazeto "Dejli Kurant".

#

La 22-an de decembro 1702 en Moskvo, laŭ ordono de caro Petro la Unua, komencas aperi la unua presita gazeto en Rusio.Ĝis tiam oni eldonadis nur manskribitajn gazetojn. La unua n-ro de tiu gazeto (trovita apenaŭ en 1919) estis nomita "Vedomosti cesarskih pisem" (Skribo de caraj (reĝaj) leteroj) kaj entenas nur informojn el eksterlando. La dua kaj la sekvaj havas aliajn titolojn. Unua redaktoro de "Vedomosti" estis la caro mem.

#

En 1738 en la frankfurta (Germanio) gazeto "Inteligenblat" aperas la unua anonco pri edz(edzin)iĝo.

#

En 1849 la gazeto"Kjolniŝe Cajtung" unuafoje komencis uzi telegrafan oficon.

#

En 1859 en "New York en Usono estis presita la plej granda en la mondo gazeto "Iljuminajted Kvadrjupl Konstelsiŝan" - larĝa 182 cm kaj longa 250 cm, kun 13 kolumnoj.

#

En 1883 unuafoje la du fratoj Hidalsan el Jarmut ekkuraĝis vendadi lokan gazeton surstrate, kiu maniero estis akceptita tutmonde.

#

En 1890 la nombro de la gazetoj tutmonde estis 41,000, en Eŭropo - ~~Francio~~ 24000, en Anglio 4000, en Aŭstro-Hungario 3500, en Germanio 5500, en Francio 4100, en Svislando 4500, en Italio 1400, en Hispanio 850, en Rusio 800. La cetera kvanto aperis en aliaj landoj.

#

En 1891 ĉe la enterigo de profesoro Mikel en Berlin partoprenis ankaŭ la plej juna ĵurnalistino - la 12-jara knabino de gazeto "Folkeblat".

#

En 1895 iu madrida gazeto estis presita ne sur papero, sed sur tolo - sur naztuko. Ĉiu povis traleĝi ĝin kaj poste utiligi kiel naztukon.

= = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = =

## NOVAJ MEMBROJ DE TEJA

- Anto Kaljussar, Pikk t.29-a, SU-200102 - Tallinn-102 SR Estonio, Sovetunio.
- S-ino Sabine Schulze, Ringstrasse 71, 7060 Leipzig, G.D.R.
- Joakim Schulze, Ringstrasse 71, 7060 Leipzig, G.D.R.
- S-no Danuta Jakubiec, Zelechowskiego 2/17,Pl-30-124 Krakow, Pollando. (Renovigas sian membrecon).
- Walter Haberl, redakcio "Socialisto", Wien 15, Fünfhausgasse 16, Aŭstrio.

- S-ino Annie Bollaert, Zomerlaan 16, B-1500 Halle, Belgio
- Herman Deceininsk, Zomerlaan 16, B-1500 Halle, Belgio
- Judita Rey Hudicek, Casilla De Correos 723, 5730 Mercedes - San Luis, Respubliko Argentina.
- Michael J.Lowrey, 1847 N.2, strato Milvokio,Vis konsino-53212.
- G. Ŝilo, 34220 Slavjansk, Donskoj. Pereulok Batjuka, USSR

NIA POŜTO

- Dino Fabris, Italio - aldone al nia letero-respondo, kiun vi certe intertempe ricevis, ni avertas, ke la statuton ni ricevis. Dankon. Ĝi aperos por diskutado en n-ro 1/1984 de IĴ.Post tio oni definitive akceptos ĝin. Ni ĝin aperigos en aparta broŝureto. Sub la rubriko "Ni pritraktas la projekto-statuton" ni aperigos ankaŭ viajn proponojn. "Pinokjo" aperas en la nuna n-ro 3 de "I.Ĵ.". La redakcio atendas aliajn viajn kontribuaĵojn. Ni proponas al vi resti kiel sekretario (helpa) de TEĴA. bv. resendi al ni la enketilojn. Dankon ankoraŭfoje al vi pri ĉio.

- Oskar Stolberg, GDR. Per aparta letero ni respondas al vi. Vi kun kolego Schulze ricevos la aperintajn n-rojn de "I.Ĵ."

- N.Adrianova, Kiev,USSR. Via tradukaĵo poezia aperis nun. Dankon.

La ĉefredaktoro persone skribis leterojn al la prezidanto de TEĴA s-ano W.Haberl, Vieno kaj al la vicprezidantoj N.Danovskij en Riga, USSR kaj T.Megalli en FRG kaj al s-ino D.Jakubiec (Krakov, Pollando)- membro de la estraro. Ni atendas iliajn respondojn.

Se la redakcio aŭ redaktoroj ne respondos perletere al gravaj demandoj de teĵanoj kaj aliaj ges-anoj, la redakcio respondos al ili per la rubriko "Nia poŝto" en "I.Ĵ."

- - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - -

ĴUS APERIS ANKAŬ

Metodika gvidlibro - helpilo por instruistoj de Esperanto en la grupoj por fakultativa prepariĝo. Aŭtoroj - la metodistoj kaj instruistoj,kaj kursgvidantoj de Esperanto Mihail Elenov kaj Marin Baĉev. Redaktis la gvidlibron kaj skribis la antaŭparolon la kandidato de pedagogiaj sciencoj Haĉik Haĉikjan - fakestro en la Ministerio de Popola Klerigo. Grava sukceso de la bulgaraj esperantistoj, ke tiu tre necesa libro estas eldono de Ĝenerala direkcio ĉe la Ministerio mem. La metodika kondukilo estas ampleksa - 156-paĝa kun kovrilpaĝo kaj riĉa je metodikaj lecionoj, konkretaj ekzemplaj indikoj. Ĝi entenas du partojn: por unua kaj por dua lernojaro, kun apliko de aliaj instrumaterialoj . metodikaj kaj didaktikaj, tekstoj de kantoj, versaĵoj, anekdotoj k.a. Prezo ne estas, oni donas ĝin nur al estontaj instruistoj de Esperanto en altgradaj kaj mezgradaj lernejoj.

=o=o=o=o=o=o=

REDAKCIAJ PETOJ

Ni petas ĉiujn membrojn de TEĴA kajabonantojn de "Internacia Ĵurnalisto" nepre informi la redakcion per simpla poŝtkarto ĉu ili ricevas regule nian presorganon "I.Ĵ." aŭ iuj n-roj mankas al ili, por ke ni sendu la necesajn n-rojn.

Krome, ni petas ke oni informu la redakcion ĉu iliaj adresoj, kiujn ni metas sur iun paĝon de nia organo aŭ ĉu al adresoj, al kiuj ni sendas en koverto "I.Ĵ."-n, estas precizaj. Se ne estas, oni bonvolu sendi al ni la ĝustajn adresojn.

=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=

ESTRARO DE TEĴA

Prezidanto - Walter Haberl, Redakcio "La socialisto", Wien 15 fünfhausgasse 16, Aŭstrio.

Vicprezidantoj: Ivan Keremidĉiev Esperov, 1680 Sofio, kv.Borovo, bl.219 B, Bulgario. Li estas ankaŭ ĉefredaktoro de "Internacia Ĵurnalisto";

Nikolaj Danovskij - Lat.SSR, USSR, 226014 Riga 14, ul.Ostrovskago 4-4;

Tadros Megalli, D-8387 Rossenbach, Untergrafendorf, F.R.Germanio.

Ĝererala sekretario - Donĉo Hitrov, 1000 Sofio, ul.Han Asparuh 61, Bulgario. Li estas ankaŭ kunredaktoro de "Internacia Ĵurnalisto".

Sekretario - D-ro Dino Fabris, Borgo Bossano 5, Citadella (Padova) Italio.

Membroj: Olav Thormodsen, Box 59, 595501 Haugesund, Norvegio; Danuta Jakubiec, Zelechowkiego 2/17, Pl-30-124 Krakov, Pollando.

=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=

TEĴANO, KIU AKCEPTAS ESTI REPREZENTANTO DE TEĴA POR SIA LANDO AŬ REGIONO DE SIA LANDO, BONVOLU INFORMI LA REDAKCION DE "I.J."

=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=

Informo pri la reprezentantoj de TEĴA

Kie ne estas reprezentantoj de TEĴA, la estraranoj plenumas iliajn taskojn en la lando.

Aliaj reprezentantoj por USSR: por Estona SSR - Jaan Ojalo, SU 200001, Tallin, Narva mat 9-5 kaj G.Silo, 34220 Söavjansk, Doneckoj, Pereulok Batjuka, USSR.

Adreso de la redakcio: "Internacia Ĵurnalisto" Ĉefredaktoro: Ivan Keremidĉiev-Esperov, 1680 Sofio, kv.Borovo, bloko 219 III, Bulgario. tel.56-58-77. Redaktoroj: Nikola Aleksiev kaj Donĉo Hitrov.

Teknika aranĝo: Georgi Dolapĉiev.